# KATOLIKA MONDO

Ĉefredaktoro : Kaspar MAYR, London, 16, Red Lion Square.
Redaktoro : W. Solzbacher, Honnef a. Rh., Spiesgasse, Germ.
Kunredaktoroj : Patro M. Carolfi O. F. M., Italio. Prof. P. J. A. Muffang Francio. Pastro J. Makara, Polio.

Esperanto-Organo de Internacio Katolika
kun junula aldono « La Juna Batalanto »



7a - Kolekto n° 9 — Aŭgusto 1926

Eldonejo kaj ekspedejo : Katolika Mondo Elberfeld, (Ger.)
Poŝtĉekaj kontoj :
Koeln 76105
Warszawa 190972
Paris 80061, Praha 77396
Wien 162473.

# Antaŭ la Kongreso de Einsiedeln

## Kelkaj pensoj pri la IKA-laboro

La IKA-laboro depost ĝia komenco estas bone konata al mi. Sed depost 1923 mi tute intensive en ĝi partoprenas. Do ne estas malmodeste, ke mi ĉi tie laŭ multflankaj impresoj kaj spertoj sekvigas kelkajn pensojn :

*Formi grandan konfederacion de ĉiuj, aŭ almenaŭ la plej multaj ekzistantaj grandaj katolikaj organizaĵoj kaj unuiĝoj de ĉiuj landoj, ŝajnas al mi, kiel mi ankaŭ jam kelkfoje diris en la lastjara kongreso en Oxford, nun ne realigebla* :

Por tio ofte mankas la anima antaŭkondiĉo : la konvinko pri la neceseco de granda internacia agado kaj la deziro al ĝi. La plej multaj estas tiom okupataj pri laboro de loka, regiona aŭ nacia karaktero — kies gravecon mi neniel volas estimi malgranda —, ke ili hodiaŭ apenaŭ pensas pri internacia agado. Ankaŭ ankoraŭ ne ĉie estas sufiĉe superitaj la malhelpoj estiĝintaj parte per la milito kaj la postmilita tempo parte tamen per la moderna herezio de la ekstrema do nekristana naciismo.

Fine de 1925 mi havis okazon paroli pri ĉi tiu organiza demando kun por tio vere kompetentaj personoj de la Sankta Seĝo en Romo. Ankaŭ ili malakceptis la ideon pri tia granda internacia konfederacio.

*Sed du manieroj de katolika agado sur la internacia kampo estas nepre eblaj kaj necesaj :*

*1. La disvastigado de la katolikaj principoj pri nacia, internacia kaj socia ordo kai paco kaj pri la tuta problemaro ligata kun tio :* Ju pli ĉi tio okazos en intima aliĝo al la gandaj, klasikistoj de la katolika doktrino Sankta Aŭgustino, St. Thomas Aquinas, Francisko de Suarez, al la manifestacioj precipe de la lastaj papoj, kaj ju pli ĉe tio simpla, al ĉiuj komprenebla klareco kuniĝas kun scienca precizeco, des pli evidenta kaj daŭra estos la sukceso.

*2. La metoda akcelado de kiel eble plej amika persona internacia kontakto inter katolikoj ĉiulandaj.*

Sur ĉi tiu duobla kampo nia IKA kaj kiaj kongresoj ĝis nun nepre faris sukcesan positivan, eĉ — mi povas diri sen troigo — pioniran laboron. *Daŭrigi ĉi tiun laboron energie, plene de konfido al Dio kaj en la spirito de absoluta, infana obeo al la eklezia aŭtoritato do ŝajnas al mi la plej grava kaj neniel utopia, sed tute reala tasko de IKA.*

En ĉi tiu senco mi petegas la benon de Dio por nia nunjara kongreso en la sanktejo de Einsiedeln.

Košice, julio 1926.

Mgr. D-ro Nikolaus Pfeiffer, kanoniko, en Košice, membro de la IKA-prezidantaro.



**D-ro P. Ignatius Staub O. S. B.**
Abbas Nullius Dioeceseos de Einsiedeln, Protektoro de la IKA-Kongreso

**La apostola nuncio en Berlin, M^gr Eugenio PACELLI**
**ĉefepiskopo de Sardes**, sendis al K-M. jenan telegramon :

« **El tuta koro deziras al via kongreso en *Einsiedeln* plej riĉan benon de Dio kaj plej bonan sukceson por la akcelado de la paca ideo laŭ la volo de la Sankta Patro.**

**Nuncio Pacelli.**

## La ĉefepiskopo de Köln, Kardinalo Karl-Joseph Schulte

sendis al « Katolika Mondo » jenan leteron :

« Volonte mi sendas al la venonta nunjara Universala Kongreso de la Internacio Katolika (Ika) miajn plej korajn salutojn kaj bondezirojn. La kunveno ĉe la sanktejo de la Dipatrino estu akompanata de plej riĉa beno kaj sukceso per la interkompreniĝo kaj kunlaboro de la katolikoj de la tuta mondo kaj kunhelpu per siaj referatoj kaj diskutadoj, kiuj havas la socian reĝecon de Kristo kiel objekton, pliproksimigi la pacon inter la diversaj klasoj por la bono de la popoloj kaj de la tuta mondo. Pax Christi in Regno Christi !

Köln, 3 julio 1926.

La ĉefepiskopo de Köln :
Kardinalo Schulte. »

## 6 Internacia Katolika Kongreso

**Einsiedeln (Svisujo) 10-15 aŭgusto 1926**

Sub la alta protekto de
**L. E. M. D-ro Georgius Schmid von Grüneck, episkopo de Chur,**
kaj
**L. P. M. D-ro P. Ignatius Staub O. S. B. Abbas nullius Dioeceseos de Einsiedeln,**
aranĝata de
**Internacio Katolika ( IKA )**

**Invito**

Okaze de la 5-a internacia katolika kongreso okazinta en aŭgusto 1925 en Oxford, IKA estas invitita de alta membro de la episkoparo kaj de la Internacia Societo de la Socia Reĝeco de Kristo, okazigi la proksiman kongreson pri la **Socia Reĝeco de Kristo,** por tiel montri en internacia katolika kunveno, kiom riĉa beno por la tuta homaro rezultus, se ankaŭ en la publika vivo la doktrinoj de Kristo estus universale aplikataj.

La depost tiam aperinta papa encikliko « Quas Primas » de la 11 decembro 1925 kaj la nova festo de la Reĝeco de Kristo, kies fondon ankaŭ jam la IKA-kongresoj de 1924 kaj 1925 humile petis, donas al ĉi tiu kongreso pligrandigitan signifon.

Ĉiuj, kiuj volas enprofundiĝi en la gravegan doktrinon pri la Reĝeco de Kristo ka volas disvastigi ĝiajn principojn, estas frate invitataj al la kongreso.

**La Prezidantaro de IKA**

*Prof. W. Arnold* ĉefrezidanto, Zug. *R. P. Dr. theol. Ernesto Vercesi,* redaktoro, Milano

*Mgr. Dr. theol. et phil. Nikolaus Pfeiffer,* kanoniko, Košice

*Comm. Dr. Georges de Noaillat,* prez. de la Internacia Societo por la Reĝeco de Kristo,

*Mgr. Dr. theol. et phil. et iur. Ildefonso Montero Diaz,* kanoniko, direktoro de la intern. kat. gazetara oficejo « Ora et Labora »,

*Kaspar Mayr,* hon. ĉefsekretario de IKA, London

*Dr. Carl Doka,* redaktoro, kongresa sekretario de IKA, Zürich.

## PROGRAMO

Mardon 10 aŭgusto, vespere 7. h. 30. : **Interkonatiĝa vespero** (verŝajne en la Kath. Gesellenvereinshaus).

Merkredon 11 aŭgusto 8.30 h. : **Pontifika Meso kun prediko de R. P. Dr. Romuald Banz O. S. B.,** rektoro de la gimnazio en Einsiedeln, pri la liturgio de la nova festo Kristo Reĝo. — Post tio **solena malfermo kaj salutado** en la Princa Salonego de la monaĥejo.

REFERATOJ DE LA ĈEFKONFERENCOJ

Merkredon 11 aŭgusto, ptm. 4 h.:

1. La reĝeco de Kristo en la Sankta Skribo.
2. La reĝeco de Kristo super la individua homo en ĝiaj rilatoj al la reĝeco super la socio.

Ĵaŭdon 12 aŭgusto, 9 h.

3. Kristo kiel fonto de la homa aŭtoritato.
4. La reĝeco de Kristo super la publika vivo en la pasinteco.

ptm. 4 h.:

5. Kristo en la ŝtata vivo.

Vendredon 13 aŭgusto 9 h.:

6. Kristo en la internacia vivo.
7. Kristo en la kolonia politiko.

ptm. 4 h.:

8. Kristo en la gazetaro.

Sabaton 14 aŭgusto, 9 h.:

9. Kristo en la familio.
10. Kristo en la lernejo.

ptm. 4 h.:

11. Kristo en la ekonomia vivo.

Dimanĉon 15 aŭgusto, 9 h. 30. mallonga ferma kunsido; meso kaj ĝenerala komunio en la graca kapelo,

Kiel parolantoj kelkaj eminentaj katolikaj gvidantoj diverslandaj estas invititaj. Ĝis nun definite akceptis L. E. M. D-ro Sigismund Waitz, episkopo, apostola administranto de Feldkirch; Mgr. Albert Meyenberg, kanoniko kaj universitata profesoro, Luzern; univ. prof. P. Fr. Claverie O. P., Fribourg (Svis.); univ prof. D-ro Godehard Ebers, Köln; P. Albert Müller S. J., profesoro ĉe la Instituto de Sankta Ignacio, Antwerpen. D-ro Joseph Eberle, redaktoro de " Schönere Zukunft ,, Wien; D-ro Carl Doka, redaktoro de «Schweizerische Rundschau» Zürich

FAKAJ KONFERENCOJ

okazos por ĵurnalistoj, virinoj, junularo instruistoj, komercistoj, Esperantistoj.

RIMARKOJ

Dikautadoj pri konkretaj problemoj de la aktuala politiko ne estas permesataj.

Eventualaj ŝanĝoj en la programo estas rezervataj.

Kongreskotizo estas 10 svisaj frankoj. Rabatoj laŭ interkonsento.

Kostoj de loĝado kaj nutrado en Einsiedeln 9 sv. fr. kaj pli, nura loĝado (sen manĝoj). 2 fr. kaj pli.

Aliĝojn kaj demandojn adresu al Redaktoro D-ro Carl Doka, kongresa sekretario, Zürich (Svis.) Plattenstr. 48.

# La Katolikismo en Polio

De JAKOB MAKARA

Polio staris kaj staras per sia katolikismo. Tiu ŝtato aperis en la deka jarcento kun la akcepto de la romkatolika religio. La unua pola princo Mieszko la I-a (legu: Mjeŝko) baptigis sin en j. 996. La princon sekvis la idolana popolo. Tiu



Pastro JAKOB MAKARA
Rzeszow, Polio
Kunredaktoro de " Katolika Mondo ,,

popolo ne ankoraŭ estis firme unuigita, ĉar ĝi konsistis el diversaj slavaj gentoj. Fine la bapto unuigis tiujn gentojn sub unu princo. Tiel la katolika religio helpis organizi la polan ŝtaton.

Estis gravega fakto, ke Mieszko I. akceptis bapton el manoj de la romkatolikaj pastroj. Tiamaniere Polio fariĝis aliĝanta al la okcidenta mondo kultura kaj evitis la bizantian cezaropapismon kaj ĝian malklerecon. Dume la najbaraj slavaj gentoj orientaj organizitaj de la skandinaviaj Rurikidoj, nomataj Rutenoj, ĉerpis la kristanismon el Bizantio kaj restis sub la bizantiaj influoj. Tiel la slavoj dividis sin en du partojn: unu sub la gvidado de la Poloj vivis sub la influo de la katolika eklezio kaj okcidenti kulturo, alia sub la gvidado de la Rutenoj, sufokis sin sub la premado de la bizantia cezaropapisma kulturo kaj religio. Polio fariĝis baro kontraŭ la orienta malklereco kaj dum la jarcentoj ĝi defendis Eŭropon kontraŭ la invadoj de diversspecaj malkleruloj, ekz. Tataroj, Kozakoj, Turkoj, skismuloj ktp. La venko de la pola reĝo Johano III. Sobieski (legu: Sobjeski) ĉe Wien (1683) kontraŭ la Turkoj faris finon de la turkaj invadoj en Eŭropon. Estas granda merito de Polio kaj ĝia katolikismo, ke en Eŭropo ne ekregis la duonluno aŭ ne etendiĝis la skismo. Kaj ĝis nun Polio ŝirmas Eŭropon kontraŭ la bolŝevismo, kiu en j. 1920 volis faligi Polion kaj etendiĝi tra la tuta Eŭropo. La forpelo de la bolŝevikoj for de Warszawa (legu: Varŝava) estis gravega fakto, kiun la pola popolo kaj Eŭropo dankas nur al la Reĝino de Polio la plej sankta Virgulino Maria.




Mgr. D-ro theol. et phil. Niklaus PFEIFFER
Kanoniko en Košice (Ĉeĥoslov.)
Prezidanto de IKA

# Japanujo kaj la katolika eklezio

De ĉefepiskopo H. Doering S. J., apostola vikario de Hiroŝima

Publikiginte artikolojn pri la situacio de la Eklezio en Ĥinujo kaj Hindujo, ni hodiaŭ represas la plej gravajn partojn de artikolo pri Japanujo, kiun L. E. M. Doering ( li antaŭe estis ĉefepiskopo de Bombay en Hindujo ) verkis por eŭropaj ĵurnaloj kaj revuoj. Sendube oni rimarkos multajn analogajn konstatojn, ekz. pri la neceseco de indiĝena hierarkio. Red.

Belegaj sukcesoj sekvis la unuan predikadon de la evangelio en Japanujo ; apenaŭ 50 jarojn post la alveno de Sankta Franciscus Xaverius la Eklezio jam havis preskaŭ unu milionon da konfesantoj. Ke la kredo profunde radikiĝis, tion plej bone pruvas la kuraĝo, kun kiu en la tempo de la krudela persekutado miloj iris en martirturmentojn kaj morton, kaj la fideleco, kun kiu multaj familioj konservis kaj heredigis la kredon, kiam neniu pastro plu estis en la lando. En la jaro 1865 misiistoj en Nagasaki trovis milojn da familioj, en kiuj plu vivis tradicioj pri la bapto, la honorado de la Dipatrino, pri la eklezia ĉefo en Romo. Ankoraŭ antaŭ nelonge en vilaĝo proksime de Osaka, kiu iam estis kristana, estas trovitaj kelkaj familioj konservintaj katolikajn tradiciojn kaj preĝojn ĝis nun.

Post la krudelaj persekutoj de la 17-a jarcento la Eklezio devis longe atendi, ĝis kiam ĝi povis denove sendi misiistojn en la japanan imperion. Nur la 11 februaro 1889 la nova konstitucio donis *religian liberecon* al la lando. Antaŭe tute izolite, Japanujo tiam venis en rilatojn al la eksterlando. Oni ekkonis Eŭropon kaj Amerikon, admiris ilian materian riĉecon kaj spiritan superecon ; vera entuziasmo por ĉio, kio venis de tie, komenciĝis. Ankaŭ la kristanismo estis objekto de la scivolemo de multaj ; ĝi estis estimata, eĉ admirata. Katolikaj misiistoj uzis la oportunan okazon. Per predikoj kaj publikaj paroladoj ili propagandis ĉe la popolo en urboj kaj vilaĝoj ; kaj volonte oni aŭskultis ilin. Nombro da kateĥistoj, kiujn ili edukis, iris kun ili kaj helpis, predikante la evangelion. La nombro de la kristanoj kreskis de tago al tago. 1895 jam ekzistis 50.000 katolikoj, el ili 32.600 en la dieceso Nagasaki, 9.000 en Tokio, 4400 en Osaka, 4200 en Hakodate. 20 japanaj pastroj kunlaboris kun 88 eŭropaj misiistoj. 2 pli altaj lernejoj por knaboj kaj 3 por knabinoj sub gvido de gemonaĥoj bone funkciis. La misio havis hejmon por lepruloj kaj tri aliajn malsanulejojn. Certe belaj sukcesoj !

Tamen jam tiam (1895) oni sentis la *malfacilaĵojn*, kiuj plu malhelpos la misian agadon. *Marnas*, la kronikisto de la revekiĝinta eklezio de Japanujo (Marnas, La religion de Jésus resuscitée au Japon. II. p. 568 ss.) jam kun zorgo atentigas pri la granda influo, kiun gajnis la protestantoj per siaj lernejoj, libroj kaj ĵurnaloj, pri la konfuzo en multaj spiritoj pro la malkonkordo inter la diversaj reprezentantoj de la kristanismo kaj pri la danĝero minacanta de la ŝtataj lernejoj.

Ni rigardu la *nuntempon*. La grandioza evoluo *ne* venis. Escepte de Nagasaki neniu dieceso depost 1895, kiam Marnas skribis, havas rimarkindan pliiĝon. En Nagasaki la nombro de la kristanoj preskaŭ duobliĝis, kio tamen multe pli okazis per la natura kreskado de la kristanaj familioj ol per konvertado de idolanoj. Ĝi nun havas 62000 katolikojn. Tokio, Osaka, Hakodate kaj la aŭtonomaj distriktoj havas kune 21000, en la jaro 1895 la nombro estis 17600, ili do eble eĉ malprogresis, se oni pensas pri la natura pliiĝo de la kristanaj familioj.

Kiam ni nun demandas, kiaj estas la kaŭzoj pri la malgrandaj sukcesoj de la misia laboro en la lastaj 30 jaroj, la pliiĝintaj *malhelpoj*, kiuj ĝuste depost 1895 montriĝis, donas klarigon.

1. La *nombro de la misiistoj* estas nesufiĉa, sed precipe la nombro de la valoraj kunborantoj : *indiĝenaj pastroj kaj kateĥistoj*. Ĝuste en Japanujo, lando de la izoleco, la misio bezonas grandan nombron da indiĝenaj helpantoj. Ili konas la lingvon kaj la popolkutimojn, pli facile estas akceptataj, pli bone komprenas la popolanimon ol eksterlanda pastro.

2. Due ni devas scii, ke depost la venkaj militoj kontraŭ Ĥinujo (1894) kaj Rusujo (1904) en Japanujo okazis ŝanĝo, kiu multe malhelpas la disvastigadon de la kristanismo. La admiron de la eksterlando anstataŭis malestimo. Japanujo per la sukcesoj de siaj armiloj kaj de sia industrio estis sentinta sian forton. Rigida *naciismo* estiĝis. Krome febra aktiveco en komerco kaj industrio komenciĝis, akcelado al riĉeco kaj ĝuo, kiu en multaj rondoj forte repuŝis la religiajn bezonojn.

3. Estis ĉiam malfacile por la misiistoj, influi la *vilaĝanojn*. La malnova superstiĉo tie plu vivas, kaj la budhistaj sektoj regas. La influado de la eklezio al la *kleraj klasoj* en la lastaj jardekoj estas multe malfaciligita. La *lernejoj*, unuagradaj kaj duagradaj, preskaŭ ĉiuj estas ŝtataj. Se estas vera tio, kion ni ĉiam denove aŭdas, en multaj lokoj ekkreskas junularo kun principoj direkte kontraŭ kristanaj. Jam en la mezaj lernejoj, eĉ pli en la pli altaj (Kotogakko) darvinistaj kaj materialistai opinioj estas senhonte instruataj. Eĉ plj danĝeran influon ekzercas la *universitatoj*.

4. Alia gravega malhelpo estas la *nacia kulto* enkondukita antaŭ 15 jaroj. El la malnova Ŝinto-religio oni prenis la honoradon de la imperiestroj kiel idoj de la sundiino Amaterasu kiel ankaŭ de la spiritoj de la herooj, kiuj servis al la patrolando aŭ mortis en batalo. Tiuj Kami (sanktaj spiritoj) estas jecertaj tagoj honorataj en specialaj Ŝinto-temploj laŭ malnova Ŝinto-ceremonio. Per ĉi tiu nacia kulto oni volas akceli la nacian spiriton. Oni diras, ke oni ne volas enkonduki novan religion, sed ke anoj de ĉiuj religioj konservu siajn specialaĵojn, tamen partoprenu la kulton kiel anoj de la unu japana nacio. Tamen la religia karaktero estas facile videbla. Se la katoliko ne venas al la ceremonioj, li devas scii, ke lia nacia sento estas suspektata ; li ne povas esperi veni en pli altajn ŝtatoficojn, La Eklezio pli kaj pli venas en la danĝeron esti rigardata kiel kontraŭpatrolanda. Precipe en Japanujo kun la profunda patriotismo tio treege malhelpas la misiolaboron

Jen mallonge la ĉefaj malhelpoj, kontraŭ kiuj la katolika eklezio devis lukti en la lastaj jardekoj. Ĉu ili malpliiĝos? Ni esperas.

## Mallongaj Sciindaĵoj Katolikaj

**La Eŭkaristia Kongreso en Chicago.** La kongreso estis vere grandioza. El ĉiuj partoj de la mondo venis, partoprenantoj, eĉ tuta karavano el Sudafriko. I. a. ĉeestis aro da katolikaj Sioux-indianoj en nacia vestaro kaj ornamo. Ili havis propran tendaron ĉe Chicago.

**La ĉefepiskopo de Galileo** sciigas, ke lia grekrita ĉefdieceso konsistas el 50 paroĥoj kun nur 42 pastroj.

**La katolika eklezio en Norvegujo** gajnas ĉiam pli multe da simpatioj kaj la registaro klopodis forigi la lastajn restojn de la kontraŭkatolikaj leĝoj en la konstitucio ( malpermeso de la jesuitoj ktp.) Eĉ luteranaj episkopoj subtenis tiun proponon. Fine tamen en la lasta momento kelkaj agitantoj sukcesis malebligi la ŝanĝojn, por kiuj en la parlamento du trionoj de la voĉoj estas necesaj.

**Esperantista Laboristaro Kristana de Aŭstrio** sendis al ni jenan raporton :

La Vienaj gegrupanoj de E L K A festis sian ĉijaran Enciklikan Feston la 16 an de majo en la pilgrimpreĝejo « Maria Grün ». Predikis germanlingve religia profesoro pastro Johano Leeb pri « la solvo de la laborista problemo pere de la katolika eklezio. » Post la prediko la atŝatata prezidanto de I K U E, pastra moŝto Francisko Meŝtan festis la sanktan benon, dum kiu la Esperantistoj kantis la benkantojn kaj la Mariokanton « glora reĝino » esperantlingve. Ankaŭ la Laŭretana Litanio kaj la preĝoj okazis en Esperanto. La Vienaj membroj de Aŭstria Katolika Ligo Esperantista ne nur partoprenis preskaŭ ĉiuj, sed kunlaboris ankaŭ diligente kaj vere frate. La tutan feston partoprenis interesemuloj kaj ne-Esperantistoj tiel grandamase, ke la preĝejo ne povis enhavi ĉiujn partoprenantojn, kaj tial la prediko devis okazi ekstere de la preĝejo. La tuta aranĝo faris grandan impreson, kaj la prijuĝo de la publiko pri Esperanto estis tre favora. E L K A montris per tia maniero de la festo, kiel oni povas sukcesplene labori por Esperanto inter la samideana popolanaro. (Adreso : Wien 65, Fach 21).



## Leterkesto

**La septembra numero** aperos meze de septembro kaj enhavos detalan raporton pri la kongreso de Einsiedeln.

**Liberten po ?** Multaj el niaj legantoj sendube partoprenos en aŭgusto kaj septembro iun el la grandaj naciaj aŭ internaciaj kongresoj aŭ faros pli longan vojaĝon. Jen bona okazo por propagandi niajn ideojn. Antaŭ ol forveturi, ne forgesu peti la administracion en Elberfeld pri kelkaj specimenoj de K. M., per kiuj vi varlos por Esperanto kaj via gazeto !

**La redaktoro de K. M.** faras sessemajnan vojaĝon. Do havu paciencon, se li ne tuj respondas. Tre urĝaj leteroj portu bone videblan surskribon « Nachsenden » !

**F-ino K. D. en K.** Jes, se grupoj abonas, kelkajn ekzemplerojn, ili povas pagi kvaronjare aŭ eĉ monate (sed regule ! )

**J. S. en D.** La ŝatataj rubrikoj « Tra la Esperanta Mondo » kaj « Paca Movado » pro manko de spaco ne troviĝis en la lastaj numeroj : Sed ili denove regule aperos !

**Al kelkaj kunredaktoroj kaj kunlaborantoj.** Pardonu ! Kvanham ĉi tiu numero aperas en pli granda amplekso, kelkaj tre raloraj artikoloj devis esti prokrastataj.

Red. kaj Adm.

# Recenzejo

**Negerpsyche im Urwald am Lohali.** Beobachtungen und Erfahrungen von Joseph Frässle S. C. J., Kongo-Missionär. Kun 21 bildoj. VIII + 190 pĝ. en 8°. Freiburg i. Br. 1926, Herder. Tolbind. 4.80 M.

Pri la psikologio de la Kongo negroj la libro donas plej interesan impreson. Kvankam skribite en populara formo, ĝi estas bonega scienca laboro kaj pruvas akran rigardon. La aŭtoro ĉefe verkis ĝin por estontaj misiistoj, kaj klarigante al ili la pensmanieron, la virtojn kaj malvirtojn de la negroj, li ne preterlasas, kelkfoje kun multe da sana humoro, ankaŭ skizi ilian kritikon pri la eŭropanoj, vere ne ĉiam malveran! Ni represis malgrandan provaĵon.

**Pfeffer und Salz,** der frumbden Christenheit in Stadt und Land in die sonntägliche Predigkost gestreut von *Bruder Bernhard.* Eldonita de D-ro Paul Reinlt. Dua kaj tria eldono (4-6 a milo). VIII kaj 150 pĝ. en 8°. Freiburg i. Br. 1926, Herder Tolbind. 3,50 M.

Jen preidkoj, kiuj ne kun elegantaj eŭfemismoj, sed kun kruda vereco ne timas vipi la pekojn kaj kutimojn de la moderna mondo kaj ridindigi ilin, eble kiel iam la famkonata Abraham a Santa Clara. La libro estiĝis el artikoloserio aperinta en katolika semajna gazeto, kiu poste estis devigata ĉesigi ĝin ĉar la protestleteroj precipe de la virina legantaro, kies kutimojn li sentime estis mokinta, fariĝis sennombraj.

**Informilo por Junaj Esperantistoj.** Eldonis A. Neupert, Leipzig-Möckern, Wedellstr. 17, Germ. prezo 1 leterafranko eksterlanden aŭ 0.25 M.

Tutmonda Esperanto-Asocio Junulara eldonis malgrandan poŝlibreton enhavantan informojn pri T E A J, pri la historio, gramatiko kaj organizo de la Esperanto-movado ktp. Rekomendinda al gejunuloj!



## Abonprezoj por la jaro 1926

| LANDO | ABONO duonjare | ABONO jare | Ab. kaj kotizo duonjare | Ab. kaj kotizo jare | Kotizo sen K.-M. |
|---|---|---|---|---|---|
| Anglio, Australio, Irlando | 1/6 s | 3 s | 2 s | 4 s | 1 s |
| Argentino | 1.5 po | 3 p o | 2 p o | 4 p o | 1 p o |
| Austrio | 2,5 s | 5, s | 3 s | 6 s | 1.5 s |
| Belgio, Luksemburgo, Francio | 10 frs | 20 fr | 15 fr | 25 fr | 5 fr |
| Brazilio | 1.5 mr | 3 mr | 2 mr | 4 mr | 1 mr |
| Ĉeĥoslovakio | 12 kr | 20 kr | 16 kr | 28 kr | 8 kr |
| Danio | 1,5 kr | 3 kr | 2 kr | 4 kr | 1 kr |
| Germanio | 1,5 mk | 3 mk | 2 mk | 4 mk | 1 mk |
| Hispanio | 2 p | 4 p | 3 p | 6 p | 2 p |
| Hungario | 2.4 k | 4.8 k | 3 k | 6 k | 1.5 k |
| Italio | 8 l | 15 l | 12 l | 20 l | 5 l |
| Jugoslavio | 18 d | 35 d | 25 d | 50 d | 15 d |
| Litovio | 3 l | 6 l | 4 l | 8 l | 2 l |
| Nederlando | 0,75 fl | 1.5 fl | 1 fl | 2 fl | 0.5 fl |
| Polio | 2 z | 4 z | 2,5 z | 5 z | 1.5 zl |
| Rumanio | 40 l | 80 l | 50 l | 100 l | 20 l |
| Svisio | 1,8 fr | 3,6 fr | 2,4 fr | 4.8 fr | 1,20 fr |
| Usono | 0,40d | 0,75 d | 0,50 d | 1 d | 0.25 d |

Monsendojn oni adresu nur al Katolika Mondo, Elberfeld (Germ.) aŭ al poŝtĉeka Kanto en tiuj landoj, en kiuj gi ekzistas.

La katolikismo savadis Polion dum ĉiuj jarcentoj. En la epoko, kiam Polion regis la dinastio de la Piastoj (X-XIV jarc.), fariĝis multaj malkompreniĝoj inter la princoj de la dinastio. Ŝajnis, ke disfalos la ŝtato. Intertempe reviviĝis la idolana reakcio. Nur la religia unueco konservis la ŝtaton. En la epoko de la sekvanta dinastio, nome Jagelona (XIV-XVI jarc.) Polio akiris por la katolikismo la Litovojn kaj pace altiris ilin al sia organismo, starigante la fratan kunagadon. La pola kulturo aligis ankaŭ la vastajn spacojn de la regionoj, loĝigitajn de la skismaj Rutenoj. La pola influo iris longe orienten kaj civilizigis la tieajn gentojn. Povis do okazi en j. 1595 la reunuiĝo de la skismaj Rutenoj kun la romkatolika Eklezio. Nature malhelpis ĉi tion la jam organiziĝinta rusa ŝtato, kontraŭstaranta la cezaropapismon. Sub la preteksto de la defendo de la skismuloj, vivantaj en Polio, enmiksiĝis la Rusoj en la polajn aferojn. Polio pro sia fideleco al la romkatolika Eklezio havis multajn embarasojn kun la najbaraj gentoj skismaj. Fine la protestantismo ĵetis sin kontraŭ Polio kiel Icono kaj efikis la militon de Svedio kontraŭ Polio. Nur la konfido al la plej sankta Virgulino Maria vivigis la honoron de Polio kaj kuragigis la popolon, ke ĝi forpelis tute el la lando la malamikojn. Ŝajne ludis rolon la politikaj kaj dinastiaj aferoj, efektive tamen la protestanta inspiro pelis al la militaj paŝoj. La pola reĝo Johano II. Kazimiro (1648-1668) alprenis la plej sanktan Virgulinon Maria'n Reĝino de la pola Reĝolando. Sed la protestantismo ne ripozis. Ĝi naskis la plej diversajn sistemojn kontraŭreligiajn kaj kontraŭkatolikajn. Tiuj sistemoj alvenis ankaŭ al Polio. La religia spirito fariĝis ĉefe ekstera, kaj ne regis en la animoj. Facile estis kunfratiĝi kun la kontraŭkatolikaj influoj najbaraj. La popolo, fariĝinte malforta religie, ne sciis forte reagi kaj perdis la patrujan senton. La konstitucio de la 3 Majo (1791), proklamita de la kvarjara Parlamento, ne povis savi la situacion. Venis do la disŝiroj de Polio. Dum la 150-jara mallibereco ekkonis la Poloj, ke oni devas reveni al la malnovaj tradicioj kaj esperi helpon de Dio. Kaj nur al sia religieco dankas la Poloj, ke ili restis Poloj kaj povis restarigi sian ŝtaton, Laŭ la homaj kalkuloj estis nepenseble, ke Polio reviviĝos. Sed la granda milito montris, ke Dio havas siajn planojn, kiuj devas efektiviĝi eĉ kontraŭ homaj kalkuloj.



**Univ. Prof. P. Stephan CLAVERIE O. P., Fribourg (Svis.)**
parolados pri la tempo : Kristo Kiel bazo de la ponia autoritato.

Polio tuj post la restarigo de sia ŝtateco devis renovigi sian tradicion defendi la kristanan mondon kontraŭ la atakoj de la mallumaj fortoj. En jaro 1920 jam ĝojis la diablaj potencoj, ke Polio falos. Oni nur atendis. Sed Dio volis alie. La bolŝevikaj tendaroj malantaŭeniris kaj petis pardonon.

Kaj nun ? Nune ankaŭ nur la religia forto tenas Polion, ke ĝi malgraŭ multegaj atakoj eksterlimaj kaj eĉ enlandaj sentas sin sufiĉe forta. Okazas multaj « novtempaj » strangaĵoj, sed ili estas inspirataj de la malamikoj de la katolika kredo. Ili trovas la samideanojn, sed ili ne povas kalkuli je daŭraj sukesoj. La katolikismo mildigas la morojn. Ĝi nature ne povas tute ekregi kaj ne allasi eĉ la krimojn, sed se oni respektas la slavan naturon de la Poloj, kiuj amas liberecon kaj disiĝojn, la merito de la katolika religio estas granda por la pola nacio. Malgraŭ ĉio, kion oni legas en la gazetoj, Polio estas katolika en sia plimulto. La politikaj aferoj estas kiel ĉie ofte indiferentaj, sed la nacio estas katolika kaj plenumanta la devojn de la religio. Plej bruantaj estas la socialistoj, sed kie ili ne bruas ? Inter la vilaĝanaro oni dissekmas la ĝermojn de la malkredo, sed la propagando multe pli kostas, ol la fruktoj montras. La socialistoj esperis, ke la lasta ribelo estos komenco de la revolucio, sed ne plenumiĝis iliaj revoj, ĉar la popolo ne volis revolucion kaj kondamnis la ribelon. La pola popolo volas pace vivi, labori, neniun malami, sed ĝi esperas de la registaro la bonan kaj saĝan regadon.

Multajn penojn oferas la diversaj sektoj por propagandi siajn ideojn. Sed ili havas tiom malmulte da samideanoj, ke nenia estas espero, ke ili ion povus efiki. La popolo restas katolika. La pastraro malmulte miksas sin en la politikajn disputojn kaj okupas sin pri siaj devoj. Tio malakrigas la malamikajn atakojn.

En Polio oni havas la romkatolikojn, kiuj estas plejparte Poloj kaj orientritaj Rutenoj, la skismulojn (Rutenojn kaj Rusojn), evangelianojn (Germanojn kaj Polojn), sektanojn (la t. n. nacia eklezio sendependa, mariavitoj, baptistoj, anabaptistoj « esploristoj » de la Sankta Skribo, ŝtundistoj k. a.) kaj judojn (ĉirkaŭ 3 milionoj). Pro la politikaj embarasoj oni ne povas vigligi la katolikan organizadon, tamen la stato estas kontentiga, se oni rigardas la cirkonstancojn.

Granda danĝero de Polio estas la judoj. Ili krias ĉiam kontraŭ Polio, sed ili sentas sin nenie tiel bone, kiel en Polio. La milda karaktero de la Poloj permesas, ke ili ĉerpas la polan laboron por sia utilo kaj des pli akre propagandas kontraŭ Polio. Se tamen la kondiĉoj klariĝos kaj Polio ordigos sian renoviĝitan vivon, ĝi okupos sin ankaŭ pri la komercaj kaj industriaj aferoj. Nur se tiuj aferoj estos ordigitaj, la judoj ne plu malutilos Polion.

Jen la kelkaj sciigoj al la internacia legantaro pri Polio. La konfido al Dio, la sinteno al la katolika religio, la ordigo de la internaj aferoj, jen la roka bazo de la pola Ŝtato.

Polio volas pacon kaj laboras por la paco. Ĝi nur defendas ĝis la elverŝo de la sango siajn rajtojn, sed ĝi ne volas la fremdan propraĵon. Vivu do la interkompreniĝo, amo kaj paco : sed la paco de Kristo en la Regno de Kristo !

**Jakob MAKARA**
Presbitero, Polio, Rzeszow.



**D-ro Wilhelm HINSENKAMP**
Advokato kaj Notario en Essen,
Pioniro de la germana IKA-movado,
Prezidinto de la Esperanto-konferencoj en multaj IKA-kongresoj.

## Tra la Esperanta Mondo

*La brita Unio por la Ligo de la Nacioj* (League of Nations Union), kiu havas centmilojn da membroj kaj en kies bonega organo « Headway » ni jam vidis kelkfoje artikoletojn pri Esperanto, bonvenigis la aprobon de la Brita Asocio por la Progresigo de la Scienco pri la enkonduko de internacia helplingvo kaj subtenas la elekton de Esperanto. La Unio bonvenigus deklaron de la Ligo de Nacioj, instiganta la regista ojn de la Membro-Ŝtatoj, ke ili kurarigu la instruadon de Esperanto en la lernejoj.



**Atentu niajn poŝtkontojn !**

**Aŭstrio** : Wien 130.558, Prof. W. Arnold, Zug.
**Ĉeĥoslovakio** : 303.692 Morawsko-slov. banka, Olmouc « Ika ».
**Germanio** : Koeln 113.499, Kap. Wachowski, Elberfeld.
**Polio** : Warszawa 190.809, K. Mayr, Zoug.
**Nederlando** : 2121, K. Mayr, « Ika » Hoofddorp
**Svisio** : VII/1991 « Ika », Zug.
Enpagilojn petu ĉe Ekspedicio de K. M. aŭ ĉe la sekretariejo en Londono.

Eldonejo

## BENZIGER & Co A. S.

**Einsiedeln, Waldshut, Köln, Strasbourg.**

**Riĉa stoko de libroj el ĉiuj fakoj de la literaturo**

Junullibroj por ĉiu aĝo, rakontoj, romanoj, vojaĝoskizoj; verkoj el la fakoj de la teologio, filozofio, pedagogio, poezio, arto, historio, geografio, bele ilustritaj luksaj verkoj; edifaj libroj, religiaj domlibroj; preĝlibroj en diversaj lingvoj; biografioj; kuirlibroj.

**Bildoj :**

Religiaj kaj profonaj subjektoj, en aŭtotipio, kromolitografio, gravuro, lumpreso ktp., senkadraj kaj kun diversaj kadroj en antiko aŭ modernaj stiloj.

**Benaĵoj :**

Rozarioj el lignaj, vitraj, ŝtalaj, fruktaj arĝentaj kaj perlamotaj perloj en ĉiaj ligmanieroj; medaloj, plastikaĵoj kaj porcelanaĵoj, krucoj pendantaj, starantaj ktp.

Precipe ankaŭ estu rekomendata la laŭ teksto kaj ilustraĵoj plejboniĝanta familia revuo.

**Alte und Neue Welt**

60-a jaro, monate du kajeroj kvaronjare Mk. 3,60, unuopa kajero, Mk. 0,60. La jarkolekto komenciĝas en oktobro.

**Schweizerische Rundschau,**

Monata revuo por spirita vivo kaj kulturo. Eldonantoj A. Chisler, H. v. Matt, L. Schneller. Ĉiujare 12 kajeroj Mk. 9.60. Unu kajero Mk. 1.20. Mendojn akceptas ĉiu librejo kaj la eldonejo.



UNUAKVALITAJN

**Bronzo-Sonorilojn**

liveras

**Gebr. BACHERT**

KARLRUHE i. B.

(GERM.)

## Por la Skribtablo




**Inko Pelikan**

**Agrable facilfluanta**

Postulu prospekton esperantan kaj senkostan specimenon de la fabrikanto

**GÜNTHER WAGNER**

Hannover [Germanujo] kaj Vieno [Aŭstrio]

## La Paco per la Junularo

**VI-a Internacia Demokrata KONGRESO por la Paco — Aŭgusto 1926**

**BIERVILLE (S. & O.) Franclando**

La VI-a Internacia Demokrata Kongreso okazos en Franclando en 1926, en la kastelbieno de **Bierville**, sur la teritorio de Boisy-la-Rivière, apud Estampes (**Seine et Oise**).

La fervojstacio **Boissy-la-Rivière** estas proksima je 6 kilometroj al ESTAMPES, urbo kiu estas je 60 kilometroj el **Paris**. Nur 100-metra estas la interspaco inter la stacio de Boissy kaj la kastelo. BOISSY-LA-RIVIERE estas la dua stacio post Etampes sur la fervojoj **Etampes-Pithiviers**.

Tiu ci Kongreso devas nepre ebligi imponan kunvenon por ciuj diverslandaj pacemaj junuloj Gi okazos de la 16-a gis a 22-a Aŭgusto; sed tiu-ci monato Aŭgusto 1926 estos vere internacia monato, pro la multnombraj kaj diversspecaj manifestacioj kiuj okazados diversloke kaj en Bierville mem

La kvin unuaj Kongrezo okazis en **Paris** (1921), **Wien** (1922( en **Freiburg im Breisgau** (1923), en **London** (1924), kaj en **Luxembourg** (1925.. La porpaca celo de tiuj Kongrecoj estis plej plensignife kuragigata de ciuj amikoj de la paco, ĉu de la papoj **Benedikto XV-a** kaj **PIO XI-a**, ĉu la regnestroj de la diversaj landoj, kie ili okazis, cu la franca, brita kaj germana cefministroj : s-roj **Briand, Painlevé, Herriot Mac Donald** kaj **Marx**.

*PRIALIGAJ SCIIGOJ : Individua Aligo* **10** *fr. — Opa Aligo por Grupoj :* **10** *fr por ĉiu grupo +* **1** *fr. por ĉiu Membro.*

Por ricevi ciajn sciigojn pri la **Kongreso de Bierville** skribu al la sekretario de la Kongreso : **34, Bd. Raspail. PARIS (XII)**

**LA INTERNACIA MONATO DE BIERVILLE**

**Dum la 1-a semajo ; 1/8 Aŭgusto. Fervojveturado en nordaj departementoj de Franclando ; la 1-an, REIMS ; la 3 an. AMIENS ; la 4-an, LE HAVRE ; la 5-an, ROUEN la 7-an, PARIS. Dum la 2-a sem. 9/15 Aŭg. En Bierville,** *Instruado, Paroladoj, artai Prezentadoj. Ekskursoj.*

**Dum la 3-a semajno 16/22 Aŭgusto. En Bierville, VI-a Internacia Demokrata Kongreso por la Paco**

**Dum la 4-a sem. Piedekskursoj aŭ aŭtoveturadoj,** *Versailles, Rambouillet, Chartres, Port-Royal, Fontainebleau.*

# EINSIEDELN

## LISTO DE LA HOTELOJ, PENSIONOJ KAJ RESTORACIOJ. La ordo de la hoteloj, pensionoj kaj restoracioj estas neŭtrala rilate al ilia rango

* kun restoracio, • kun bierĝardeno

| | Hoteloj kaj pensionoj | Posedanto aŭ gvidanto | litoj |
|---|---|---|---|
| * | Pfauen | Carl Gyr | 100 |
| | Sonne | Meinrad Stöckler | 80 |
| | Schiff | Familie Blunschy | 75 |
| | Schweizerhof | Frau Bünzli | 70 |
| | 3 Königen | Frl. Seitz | 67 |
| * | Klostergarten | Franz Meyenberg | 65 |
| | St. Katharina | Familie Eberle | 65 |
| * | St. Georg | Franz Oechslin | 60 |
| | St. Johann | Frau Kälin | 60 |
| | Storchen | Clemens Frei | 60 |
| | Rot Hut | Wwe. Dr. Blunschy | 55 |
| | Steinbock | Familie Gyr | 55 |
| | Bären | Dr. Schlegel | 50 |
| | Falken | Frl. Petermann | 50 |
| | Gold. Adler | Alex. Lienert | 50 |
| | Krone | Nik. Lienhardt | 50 |
| | Rebstock | Seb. Kamerer | 50 |
| | Elephant | Geschw. Kuriger | 48 |
| | Freihof | » Kälin | 40 |
| | Glocke | August Euer | 40 |
| * | Linde | Anton Steinauer | 40 |
| | St. Benedikt | Adelrich Ochsner | 40 |
| *• | St. Meinrad | Adolf Kälin | 40 |
| * | Pilgerhof | Frz. Dom. Kälin | 40 |
| | Raben | August Gyr | 40 |

| Hoteloj kaj pensionoj | Pesedanto aŭ gvidanto | litoj |
|---|---|---|
| Schwanen | W. Späni | 40 |
| Waag | Alois Bamert | 40 |
| Rot Ochsen | Familie Kälin | 38 |
| Pilgerheim | Alois Lienert | 35 |
| Weiss Kreuz | Schwestern Kälin | 32 |
| St. Joseph | Conrad Birchler | 30 |
| Meinradsberg | Hans Stamm | 30 |
| St. Peter | Alois Eberle | 28 |
| Wachslicht | Conrad Gyr | 18 |
| Rigi | Meinrad Kälin | 16 |
| Waldstatt | Jos. Waldvogel | 10 |

Speciala araĝo pri la loĝejoprezo en ĉiuj hoteloj kaj pensionoj rezervita.

**Restoracioj :**

| | | |
|---|---|---|
| Biergarten | Familie Oechslin | 20 |
| Metzgerhalle | Frau Schäfer | 15 |
| Bahnhof | E. Schulthess | 10 |
| Drusberg | Wwe. Schuler | 10 |
| Rot Kreuz | Franz Marty | 10 |
| Schiffländi | Caspar Kälin | 10 |
| Obere Brauerei | Martin Birchler | 8 |
| Rosenegg | Alfred Kälin | 8 |
| Helvetia | Alois Fuchs | 6 |
| Landhaus | Franz Kälin | 6 |
| Hofstatt | Bruno Kälin | 4 |

Senpagajn buŝajn kaj skribajn informojn pri loĝado, ekskursoj, vojaĝorutoj, ktp. donas la oficiala trafikoficjo

**VERKEHRSBUREAU EINSIEDELN**

Presejo : Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio.

